# Esperanto Hamburg



Esperanto Hamburg e.V.

Septembro / Oktobro (4) 2014

# Ĝui en tradicia etoso

Akvo-Kastelo kaj Te-Kontoro en la Deponeja Kavartalo

Foto: Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e. V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 4318 83 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

*Heinrich Heine* iam skribis: „Nia somero estas nur verde pentrita vintro.“ Ĉi-jare ankaŭ en norda Germanio vere estis somero. Nun de nove estas pluvo kaj vento.
En Julio nia klubo okazigis ekskurson al *Hoopte*, vilaĝo apud la rivero *Elbe*, trans la hamburga limo. Ni renkontiĝis apud la pramhaltejo Zollenspieker sur la hamburga bordo, por komune iri per ŝipo al la alia bordo. Kelkaj venis per bicikloj, aliaj per liniaj busoj aŭ aŭtoj. *Hannelore*, *Pia* kaj mi alvenis per buso el la urbocentro. Ni ne pripensis antaŭe, ke tiu buso pasas apud ŝatataj naĝlokoj, pro kio ĝin eniris amaso da gejunuloj.
*Gerald* organizis la pagadon de la pramŝipo por ĉiuj. Sur la alia flanko de la rivero ni nur devis pasi la digon por antingi restoracion *Grubes Fischerhütte*, kie *Peggy* jam estis preparinta tablojn sur la teraso. En bela sunbrilo 15 personoj povis mendi manĝaĵon kaj trinkaĵojn. *Peggy* invitis ĉiujn al trinkaĵo, ĉar ŝi festis sian 50-jariĝon. Kiel kutime en vilaĝaj gastejoj, la porcioj estis gigantaj. *Jutta* kaj mi decidis dividi inter ni unu porcion da haringaj fileoj kun terpoma salato; sufiĉis por ni. La ekskurso kaj la komuna manĝado okazis en harmonia kaj gaja etoso.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de **Esperanto Hamburg** okazas en la *Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**



## Sentenco

**Fantazio estas pli grava ol scio, ĉar scio estas limigita.**

Einstein

**Redaktofino** de n-ro 5/2014: 15-10-14

**Redaktofino** de n-ro 1/2015: 15-01-15

**Redaktofino** de n-ro 2/2015: 15-03-15

# Akvo-Kastelo kaj Te-Kontoro



En la Deponeja Kvartalo troviĝas dometo, kiu estis konstruita kiel laborejo kaj loĝejo por metiistoj kiuj prizorgis kaj gardis la hidraŭlokajn vinĉojn de la apudaj staplodomoj. Ili escepte rajtis loĝi tie, ĉar ili ankaŭ nokte devis gardi la valorajn vinĉomaŝinojn.
En la porinfana detektiv-serio *die Pfefferkörner* (la piprograjnoj) jam antaŭ pli ol dek jaroj estis fikcia te-kontoro en la tiutempe neuzata konstruaĵo.





La fikcio fariĝis realeco en 2011. Tamen en la domo ne nur troviĝas staplo por teo (kiel en la filmo) sed sub la nomo *Wasserschloss* (akvo-kastelo) funkcias restoracio en la iama forĝejo kaj riparejo.
La restoracio ofertas tradiciajn manĝaĵojn en nova formo kun teo kiel spicaĵo.



Ankaŭ okazas te-gustumadoj por sperti la diferencojn inter la diversaj specoj. En la apuda te-vendejo ekzistas 250 diversaj teoj, kafospecialaĵoj, oleoj, vinagroj, spicaĵoj kaj ĉokoladoj. Krome oni povas trovi eksterordinarajn tasojn kaj kruĉojn.



WASSERSCHLOSS
SPEICHERSTADT

Fotoj el la gazetara servo en la retpaĝo

# Taşköprü-strato en Hamburg

La 26an de Junio 2014 estis solene inaŭgurita Taşköprü-strato en Hamburg-Bahrenfeld. La nomo estis elektita por memorigi pri *Süleyman Taşköprü*, kiu la 27an de junio 2001 laŭsupoze estis murdita de naziaj teroristoj *NSU*. La 31-jara turka komercisto laboris en la vendejo de sia patro, kiam li estis mortpafita. La strato, kiu nun portas lian nomon, troviĝas en la proksimeco de la vendejo. Fakte estas nur 300-metra parto de paralela strato. Pli longan straton oni ne sukcesis decidi en la distrikta parlamento, ĉar jam ekzistis civitanoj, kiuj kolektis subskribojn kontraŭ la stratonomo.
Antaŭ la turka vendejo en Schützenstraße n-ro 38 nun troviĝas memorŝtono.




Foto: B. Klehr

# Ĉu la germana lingvo estas lokiga malavantaĝo?

Almenaŭ tion opinias grupo de socialdemokratoj, kiuj intencas enkonduki la uzadon de la angla lingvo en juĝejaj procesoj en Germanio.
En ***Hamburger Abendblatt*** *Matthias Iken* kritikas, ke estas absurde, okazigi juĝejajn procedurojn **ne** en la oficiala lingvo de la ŝtato. Por tio necesus ŝanĝi la juĝejan konstitucian leĝon el 1877: *La lingvo de la juĝejo estas la germana*.
Kaj ĉu eblas imagi verdikton ***en la nomo de la germana popolo*** en **angla lingvo**? Ĉu *la popolo* komprenus tiujn juro-lingvajn tekstojn, kiujn multaj ne komprenas eĉ en la gepatra lingvo?
En sia kritiko *Iken* avertas, ke la germanoj pli kaj pli oferas sian propran lingvon pro ŝajnaj ekonomiaj kaŭzoj. Verajn avantaĝojn li vidas nur por denaskaj parolantoj de la angla kaj por internaciaj advokataj asocioj.
Ankaŭ en kelkaj altlernejoj oni jam enkondukis la anglan kiel standardan lingvon. Tiel la germanoj mem deklasigas sin kiel sensignifa en Eŭropo.
Tiel perdiĝos la germana identeco en la dezirata kultura diverseco en Eŭropo.
Al lando, kiu volas agnoskon por sia nigra pano, sia biero kaj siaj kermesoj kiel mondaj heredaĵoj, sed samtempe sendevige oferas sian lingvon, supozeble ne plu eblas helpi.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Aŭgusto

**28** **Nova Programpunkto!**
*Mikaelo Lineckij:*
**La aktuala situacio en Ukrainio**

## Septembro

**4** *Volker Kraeft:*
SWR2-Matinee **Selbstgemacht – Künstliche Sprachen**

**11** *Annika Förster:*
**Novaĵoj de Germana Esperanto Junularo**
La prezidantino de GEJ vizitos nin por raporti pri la agado kaj respondos niajn demandojn. Bonvenon en Hamburgo!

**18** *Alvaro Cortés:*
**Simileco inter la franca lingvo kaj Esperanto**

**24** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**25** *Kerstin Baasch:*
**Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**

## Oktobro

**2** **Diru la vorton** – kvizo de edukado.net
Kompilita de
*Andrea Schmidt* & *Katalin Kováts*

**9** *Benno Klehr:*
**La malnova hamburga urbodomo**

**16** 111 jaroj de Esperanto en Hamburgo:
**Diskuto kaj elekto de la ekskursoj**

**22** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**23** *Ralph Glomp:* **Falsaj amikoj** (4)

**30** *Halloween*
(Antaŭvespero de Ĉiuj Sanktuloj):
**Aĉaj filmoj**
Inter alie **La okulo de la scienco**, **La surplanediĝo** kaj **Fuĝo**

## Novembro

**6** Leksikaj Ekskursoj:
**Tempodivido**

# Hamburg-Enigmo




En la metro-stacio Messberg troviĝas tiaj ĉi ornamaĵoj ĉe la muroj. Kion ili prezentas?

# Sur la teraso en Hoopte



# En Fischerhütte en Hoopte



# Gaja babilado



# Artefaritaj fruktoj

Misuzante la renomon de Einstein, dek jarojn post ties morto aperis pseŭdo-citaĵo de li: *Kiam la abeloj malaperos de la mondo, baldaŭ malaperos la homoj.* Fakte tio ne estis temo, pri kiu kutime okupiĝis Einstein. Krome Einstein sciis, ke grenoj, ekzemple, tute ne bezonas insektojn. Tie la vento transportas polenojn.

La ruzaj ĉinoj montras, ke eblas produkti pomojn sen abeloj: Tie multaj diligentaj manoj de homaj polenigistoj per penikoj anstataŭas la abelojn en pomo-kulturejoj, ĉar la aero en la ĉirkaŭaĵo estas tro venenigita, ke abeloj povus vivi tie.



**Balkonaj tomatoj** Foto: Klehr

– Kaj ni aĉetas kaj manĝas pomojn el Ĉinio, kiuj kreskis en tiu sama aero. Germanio importas el Ĉinio 3600 tunojn da pomoj, 130000 tunojn da fiŝoj, proks. 7700 tunojn da viando, 282 milionojn da prefabrikitaj bulkoj, 862 tunojn da laktoproduktoj kaj proksimume 10277 tunojn da legomoj. Ne plu ekzistas iu regiono en Ĉinio, kie la aero estas pura kaj la agroj ne estas venenigitaj. Ĉiuj produktoj enhavas aŭ antibiotikojn, hormonojn, pesticidojn, herbicidojn, fungicidojn, plumbon, kadmion aŭ aliajn vevenaĵojn.

Sed ni ja povas elekti, kion ni aĉetas:

En la eŭropaj regionoj, kie kreskas pomoj – ekzemple *Altes Land*, sude de Hamburg – oni starigas abelujojn inter la arboj kiam ili floras. Tio estas pruvo, ke la aero estas pura, ĉar alikaze la abelisto ne povus vendi sian mielon. Ke en Hamburg la aero estas ekstetrordinare bona, videblas ankaŭ en la fakto, ke ekzistas mielo, kiu estis produktita aŭ apud la flughaveno, aŭ en la urbocentro. En kelkaj hoteloj eblas aĉeti *urbo-mielon*, kiu venas el abelujoj, kiuj staras sur la tegmentoj de la hoteloj. En la ĝardeno de la kultubutiko, troviĝas pluraj abelujoj. Ankaŭ tie la abeloj produktas bonan *urbo-mielon*.

Antaŭ nelonge mi vidis desegnaĵon de Burdo sur transportkartono de melonoj. Mi memoris, ke mi vidis kestojn kun Burdoj en la vitra domo kun tomato-plantoj en *Hamburg-Kirchwerder.* Ankaŭ la utiligo de burdoj en frukto-produktado montras, ke la aero estas bona. Sed ne nur en vitraj domoj la aero estas bona:



**Burdo** Foto: Trounce/Wikimedia

La sovaĝaj kolegoj de la burdoj loĝas kaj laboras en la urbo, polenigante tomatojn eĉ sur mia hejma balkono. Ni jam dum kelkej jaroj plurfoje rikoltis tomatojn meze en la metropolo *Hamburg*.

# emil en Brunsvigo

## *E*lektromobilität *m*ittels *i*nduktiver *L*adung

**Ŝargo de elektraj veturiloj per magneta indukto**

La simbolo apud la nomo emil prezentas la formon de bobeno, per kiu funkcias la senkabla transdono de la elektra energio al la liniaj busoj. La veturiloj disponas pri nevideblaj instalaĵoj en la planko, per kiu eblas transpreni la energion en survojaj haltejoj kaj la finaj haltejoj au deponejoj.






**Artika buso en la urbocentro de Brunsvigo**

En Hamburg ekzistas simila sistemo kiun oni testas en la aŭtomataj kontener-transportiloj sur la tereno de *HHLA* (Hamburga Havena kaj Loĝistika entrepreno).



La hamburgaj transportiloj aŭtomate ŝargas sin en siaj deponejoj, dum tempoj, kiam la energio estas malmultekosta, ekzemple nokte.




Fotoj kun afabla permeso de Braunschweiger Verkehrs-AG

# Solvo de Hamburg-Enigmo

La kahelaj bildoj en la metrostacio memorigas pri la *lav- kaj bandomo* apud Steinstraße ĉe la iama *Schweinemarkt.* La konstruaĵo ne estis detruita en la dua mondmilito, kiel la ĉirkaŭaĵo.



**Lav- kaj bandomo de *William Lindley*, 1854**

Laŭ malnova gravuraĵo de 1875

Ĝi estis malkonstruita en 1966 por tie konstrui parkejan domon por la grandmagazeno *Horten,* kie nun ĝi servas al la teknika grandvendejo *Saturn.*

# Naŭatla lingvo

La naŭatla lingvo aŭ navatla lingvo (propralingve nāhuatlahtōlli, māsēwallahtōlli, aŭ mēxihcatlahtōlli kaj hispanlingve náhuatl aŭ mexicano estas Azteka lingvo de la jut-azteka familio, parolata precipe en centra Meksiko, specife en la federacieroj Puebla, Veracruz, Hidalgo kaj Guerrero. Laŭ Ethnologue, estis 1 376 898 parolantoj en 1980. Ĝi estas la plej parolata indiana lingvo en Meksiko. La naŭatla havas plurajn dialektojn.
La jam ne parolata klasika naŭatla estis la lingvo de la aztekoj. La azteka skribosistemo ne spegulis la parolan lingvon kiel alfabetoj. Post la hispana konkero, parto el la naŭatla lingva tradicio estis kompilita en libroj per latina alfabeto. Hodiaŭ restas ŝtonaj skribaĵoj, kiuj ne facile legeblas. La Katolika eklezio predikis per naŭatlo al indianoj eĉ en landoj, kie ĝi ne estis parolata antaŭ kristanigo.
Preskaŭ ĉiu parolanto lernas la naŭatlan hejme kaj scias la hispanan. Ĝenerale, parolantoj estas malriĉaj kaj ne ricevas norman edukadon. Tamen, danke al pliiĝanta aprezo por indianaj lingvoj kaj kulturoj, iu ajn nun povas studi la naŭatlan ĉe pluraj lernejoj en Meksiko.

Eĉ Esperanto havas plurajn naŭatlajn vortojn. Jen kelkaj ekzemploj:
avokado < āhuacatl; ĉokolado < chocolātl;
kojoto < coyōtl; oceloto < ōcēlōtl; tomato < xītomatl

# Tradicia eraro

Generacioj de germanoj lernis ke la germana *Kümmel* en Esperanto estas *kumino*. *Kümmel* fakte en Esperanto estas *karvio*. Tion ili ne povis scii, ĉar ili lernis per vortaroj, kiuj enhavis eraron:
En vortaroj de *Karl Steier*, Friedrichswerth/Th. 1920 kaj *Hans Wingen,* Limburg/Lahn 1954
oni trovas *Kümmel = kumino*.
Tiu tradicia mistraduko fakte estas pli aĝa ol Esperanto, kaj aperas ankaŭ en aliaj lingvoj:
K. E. Georges, Deutsch-Lateinisch, Leipzig 1875, *Kümmel = cuminum*
Heinrich Mattutat, Deutsch-Französisch, Stuttgart 1967, *Kümmel = cumin*.
Enrique Alvarez-Prada, Deutsch-Spanisch, Langenscheidt 1990, *Kümmel = comino.*
Tamen ekzistas aŭtoroj, kiuj scias la diferencon:
Josef Kühnel, Hamburg 1946, Kümmel = Karvio; Römischer Kümmel = kumino.
*Erich Dieter Krause,* Leipzig 1971, *Kümmel = Karvio; Kreuzkümmel = kumino*.
Johanna Shorter-Eyck, London 1971, Internacia Kuirlibro: *ŝafidaĵo kun karvisemoj.*
Andreas Kück, Borsdorf 2012, *Kümmel = Karvio; Kreuz~ = kumino.*
La eraro en nova variaĵo plu vivas en vortaroj: Ulrich Matthias – Dietrich M. Weidmann, Kleines Wörterbuch Deutsch-Esp., Esp.-Deutsch, Wiesbaden 2008: Kümmel = *kumeno.* Nek troveblas karvio, nek kumino.
Kuminon, germane *Kreuzkümmel*, multaj germanoj ne konas. En norda Germanio oni eĉ karvion ne tre ŝatas laŭ la tradicia kuirmaniero. Karvio en norda Germanio nur estis uzata por produkti brandon, nomata *Köm*.
La Esperanta vorto *karvio* devenas de la scienca nomo *Carum carvi*, kiun donis *Carl von Linné* en 1753. Antikvaj Romianoj kaj Grekoj ne uzis kaj apenaŭ konis karvion. La Araboj, kiuj regis en nuna Hispanio inter 711 kaj 1492, kunportis nekonatan spicon, kiun ili nomis *Al-karavja*. La vorto eniris la hispanan lingvon kune kun la araba artikolo „al-“ kiel *alcavarea*. En aliaj lingvoj la araba radiko aperas sen la artikolo: france *carvi*, angle *caraway,* nederlande *karwij.*
En la germana lingvo *Kümmel* fakte devenas de la latina vorto *cuminum*, kiun oni simple uzis por tiu planto el la familio de umbeliferacoj, kiu kreskis en la regiono. Multaj aliaj sekvis al la germana ekzemplo, aliaj ne. Svede estas *kummin*, Dane *kommen*, sed Norvege estas *karve*; Ĉeĥe: *Kmín kořenný* sed Slovake: *Rasca lúčna*; Supra-Sorabe: *Kimjelčka* sed Malsupra-Sorabe: *Garba*.
La diferencon inter karvio kaj kumino oni povas gustumi, komparante Germanan kolbason *Thüringer Bratwust* kun Turka kolbaso *Sucuk.*

# Ĉu Esperanto-ĉapoj kaj ŝaloj?

Dum klubvespero Pia rakontis, ke en Hamburg-Barmbek ŝi vidis afiŝon kun la surskribo *Esperanto.*
Ŝi estis certa ke ne estis *Esperando,* sed *Esperanto.* Fakte, ankaŭ mi unue supozis tion, ĉar oni vidas tion, kion oni atendas, en kombino kun kvinpinta stelo.
Sed ne temas pri internacia lingvo, sed pri entrepreno, kiu vendas ekskluzivajn trikaĵojn, produktitaj en italio. Ĉapoj kostas 20 ĝis 40 €, ŝaloj 50 aŭ 60 €. La prezoj ne troviĝas en la montrofenestro, sed rete.









**Ŝildoj kaj varoj en montrofenestro en KleineFreiheit 46-48**

Fotoj: B. Klehr

# Retpaĝaro *maklerejo.de*

Ĉu vi memoras la respondkuponojn? Antaŭ la interreto estis malfacile trovi esperantistojn. Kiel unuopulo oni devis fariĝi individua membro de UEA, kontakti delegiton por akiri liston de korespondemuloj. Se oni estis bonŝanca havi lokan esperantogrupon, tiam oni almenaŭ kun samlingvanoj povis paroli Esperanton. Tamen: tio ne vere estas internacieca pensinterŝanĝo.

Ekzistas bona ebleco prezenti vin kaj vian ĉirkaŭon kaj esti trovata de esperantistoj, kiuj akiru emon viziti nordan Germanion kaj vin pro pluraj allogaj prezentadoj. Havu senkostan anonceton pri vi kaj viaj temoj en **maklerejo.de**, speciale en la subpaĝaro Esperanto en norda Germanio. Por vidi ekzemplojn kiel povas aspekti, vizitu la paĝojn de Hamburg, Hameln kaj Hanstedt.

maklerejo.de
maklerejo.de/?Esperanto_en_norda_Germanio
maklerejo.de/?Esperanto_en_norda_Germanio___Hamburg
maklerejo.de/?Esperanto_en_norda_Germanio___Hameln
maklerejo.de/?Esperanto_en_norda_Germanio___Hanstedt_(Nordheide)

Salutas amike
Frank Merla